# Esperanto en Azio

**(Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado)**

**N-ro 87**

Bulteno de KAEM

Aprilo 2015

Retadreso de KAEM

azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com

(ne aliĝinte al la grupo, oni povas mesaĝi)

http://www.esperantoazia.net/club/myclub/?url=kaem

(« Esperanto en Azio » troviĝas en tiu retejo)

---



## Ni ĉiuj kondolencas pro la grava tertremo en Nepalo

Okazis granda tertremo la 25an de aprilo en Nepalo. La ĉefurbo Katmanduo suferis/as grandan damaĝon. Laŭ la ĝisnuna informo (4/28) neniuj esperantistoj mortis kaj vundiĝis. Tamen ni ankoraŭ ne havas sufiĉan informon pri la situacio. La oficejo de Nepala Esperanto-Asocio en la prospera distrikto Tamel ne damaĝiĝis. Sed la bela urbo kun multaj historiaj heredaĵoj fariĝis kvazaŭ ruino. Ni deziras restariĝon de ĉiuj tieaj homoj kaj esperantistoj, sed certe estos tre malfacile restariĝi. Mi deziras, ke la Esperanto-movado venku ĉiujn malfacilojn kaj okazu laŭplane la Speciala Renkontiĝo en 2016 por voki subtenantajn esperantistojn el la tuta mondo. (Redaktoro HORI Jasuo)

# KOMUNA SEMINARIO 33a



Komuna Seminario (KS) originale estis evento inter gejunuloj de Koreio kaj Japanio, poste Ĉinio membriĝis. En 2010, KS unuafoje okazis en Hanojo kiel profunda deziro de VEJO (Vjetnama Esperantista Junulara Organizo) celanta iĝi membro de KS. En 2012 VEJO iĝis oficiala membro de KS dum la KS-31 en Japanio kun subtenoj de aliaj membro-landoj, kaj oni decidis, ke la KS-33 okazu en Hoĉiminh-urbo kiel la unua KS en Vjetnamio post la membriĝo de VEJO.

La KS-33 sukcese okazis dum 3 tagoj ekde la 26a ĝis la 28a de decembro 2014 en Hoĉiminh-urbo kun 47 ĉeestantoj el 7 landoj, t.e Ĉinio, Japanio, Koreio, Indonezio, Usono, Hispanio kaj Vjetnamio. Ĝia ĉeftemo estis "KUNLABORO INTER AZIAJ JUNULOJ".

La unua tago de la renkontiĝo ĉefe kolektigis temajn programerojn kiel "Aziaj junularaj movadoj" kaj "Kunsido de aziaj junuloj". Tuj post la malfermo de la KS reprezentantoj de 5 aziaj landoj (Japanio, Ĉinio,

Koreio, Vjetnamio kaj Indonezio) prezentis sialandajn movadojn, speciale junularajn movadojn, celante sciigi al ĉiuj ĉeestantoj pli bone faktojn kaj situaciojn de la azia movado.




La posttagmezo komenciĝis per la kunsido de aziaj junuloj – la plej grava kaj ĉefa programero de la KS. La kunsido okazis tuj post kiam aziaj junularaj organizoj ĵus fondis Komisionon de Azia Junularo (KAJ) kaj ne nur troviĝis multaj avantaĝoj, sed ankaŭ ne mankis malfacilaĵoj. Do, dum la kunsido, junuloj el la 5 landoj kundiskutis pri metodoj por plibonigi la movadon junularan kaj serĉi komunikilojn de KAJ, ankaŭ inter alilandaj junuloj.

La sekva interesa programero estis “Aziaj kulturoj kaj konkurso MISS ESPERANTO ĉe la KS-33”. Reprezentantoj kunportis siajn landajn tradiciajn manĝaĵojn, trinkaĵojn, kaj specialaĵojn por prezenti sialandajn kulturaĵojn. Ĝi estis bona ŝanco por ĉeestantoj plibonigi siajn konojn pri alilandaj kulturoj.

La konkurso Miss Esperanto ĉe la KS-33 allogis 6 kandidatojn el Koreio, Indonezio kaj Vjetnamio. La kandidatoj devis partopreni en 3

cirkloj: vestado de tradiciaj vestaĵoj, talento kaj respondado. Ĉiuj fraŭlinoj beliĝis kaj ĉarmiĝis en tradiciaj koloroj kun allogantaj dancoj aŭ dolĉaj kanzonoj aŭ interesaj prezentaĵoj. Kaj f-ino Bui Hai Mung el Vjetnamio venkis kaj iĝis Miss Esperanto ĉe la KS-33.

Kiel ĉiuj Esperanto-aranĝoj de gejunuloj, interkona vespero ĉiam estas alloga kaj nemankebla. Dum la KS-33, la Interkona Vespero okazis amuze kaj interese kun plenaj ludoj organizataj de LKK-anoj kaj kongresanoj.

La dua tago de la KS verŝajne estis la plej atendinda tago pro la ekskurso al la tunelaro Ku Ĉi, la templo Ben Duoc kaj bankedo ĉe la feriejo Binh Quoi. La partoprenantoj havis bonŝancon por pliriĉigi siajn konojn pri malfacilaĵoj kaj oferoj de sudvjetnamaj popolanoj dum la du longaj militoj kontraŭ Francio kaj Usono. La vespero ĉe Binh Quoi aldonis plenajn belajn impresojn pri vjetnamaj tradiciaĵoj dank' al ĉi-tiea festivalo, kie kolektiĝis tradiciaj vestaĵoj, manĝaĵoj, ludoj ktp de ĉiuj partoj de Vjetnamio.

La ĉi-jara KS estis organizita en Hoĉiminh-urbo – la urbo nomiĝas laŭ la nomo de la unua vjetnama prezidanto, do la filmeto “Ho Ĉi Minh – Portreto de la homo” estis elektita por prezenti al ĉiuj kiel la plej profunda kaj perfekta klarigo pri la bela nomo de la urbo. La sekvaj distraj programeroj estis prezentitaj de du junuloj el Indonezio kaj Japanio, t.e Esperanto-domo en sia hejmurbo kaj japana kantado, respektive.

La ferma ceremonio okazis posttagmeze en la kortuŝa etoso de adiaŭo. Poste la kongresanoj kune ĝuis la ekskurseton ĉirkaŭ la urbo per motorcikloj kiel la lastan belan komunan memoraĵon.

La KS-33 sukcese okazis dank' al la kontribuoj kaj subtenoj de ĉiuj partoprenantoj, de eksterlandaj kaj enlandaj organizoj kaj senlaca laboro de LKK-anoj kaj helpantoj. Espereble iun tagon KS fariĝos la komuna evento de ĉiuj junuloj en Azio.

**Internacie**

# La 33a Internacia Esperanto-Sumoo

Esperanto-Sumoo estis iniciatita de s-ro HORI Jasuo por instigi esperantistojn legi Esperanto-librojn. Sumoo estas japana tradicia luktarto kaj okazas la konkuro ses fojojn jare po dum 15 tagoj. Enkondukante tiun konkurmanieron, li kreis Esperanto-Sumoo-n.

http://www.esperanto-sumoo.strefa.pl/index.html

En marto okazis la 33a internacia Esperanto-Sumoo ekde la 15a ĝis la 29a de marto 2015. La ĉi-foja Sumoo estis tre sukcesa, ĉar la unuan fojon la nombro de la partoprenantoj superis 200. Jen estas analizo. En majo okazos la 34a Sumoo. Li atendas vian partoprenon por ke vi povu ĝui Esperantajn librojn kaj altigi vian kapablon.

**1. Partoprenantoj: 207 el 27 landoj**

**2. Partoprenantoj el Azio**

Japanio: 46, Vjetnamio: 25, Koreio: 5, Nepalo: 2
Tajvano: 1, Barato: 1, Turkio: 1, Kazaĥio: 1

**3. Perfektaj venkintoj (15 venkoj):** 169/207 (81,6%)

**4. Kvanto de legitaj paĝoj:** pli ol 14000 paĝoj (68 paĝoj por unu homo, tage 4,5 paĝoj)

**5. Komentoj:**

(1) Unuan fojon en la historio de Esperanto-Sumoo la nombro de partoprenantoj superis 200. Gratulon !

(2) Japana movado malkreskis. Se ne okazus NEK-Sumoo aparte organizita de Monsano (15 partoprenantoj), la nombro de japanaj partoprenantoj estus pli malgranda ol tiu de Francio.

(3) Vjetnamio multe kreskis dank' al Vjetnama Esperanto-Asocio, kiu subtenas la Sumoo-n kaj instigas esperantistojn partopreni en ĝi.

La maja Sumoo komenciĝos ekde la 10a de majo ĝis la 24a (15 tagoj).
La julia Sumoo komenciĝos ekde la 5a de julio por 10 tagoj.

Kontaktu s-ron HORI Jasuo hori-zonto@water.sannet.ne.jp

## Internacie

# 153 mesaĝoj por Virina Tago en Hiroŝima

OSIOKA Taeko, Hiroŝima Esperanto-Centro, Japanio
taeko@gold.megaegg.ne.jp

La 8-an de marto ĉe la Virina Centro, nome de "Komuna Partopreno de Geviroj en la socio" de la urbo Hiroŝima, 170 aktivuloj el virinaj organizoj havis la Tagon. Post malferma saluto de la prezidanto de la komitato, s-ino OSIOKA Taeko voĉlegis du el la 153 mesaĝoj el 41 landoj kaj teritorio interŝanĝitaj nur per Esperanto.

Ĉiu ricevis ĉe la giĉeto dokumentaĵon, kies duona paĝaro estis la mesaĝoj, kaj aparte sur paneloj la mesaĝoj estis prezentitaj (de la 22-a de februaro ĝis la 14-a de marto).

Mesaĝoj ricevitaj:

Azio (9): Ĉinio 2/ Tajvano 1/ Israelo 1/ Koreio 2/ Nepalo 2/ Uzbekio 1.

Afriko (9): Benino 8/ Togolando 1.

Oceanio (5): Aŭstralio 4/ Novzelando 1.

Nordameriko (3): Usono 2/ Kanado 1.

Latinameriko (12): Argentino 1/ Brazilo 9/ Meksikio 1/ Peruo 1.

Eŭropo (115): Aŭstrio 3/ Belgio 18/ Britio 1/ Bulgario 1/ Ĉeĥio 6/ Danio 1/ Estonio 1/ Finnlando 1/ Francio 34/ Germanio 5/ Grekio 1/ Hispanio 1/ Hungario 5/ Islando 2/ Italio 11/ Kroatio 2/ Nederlando 5/ Norvegio 1/ Pollando 1/ Serbio 3/ Slovenio 6/ Svedio 3/ Svislando 1/ Ukrainio 1.

Rusio 1.



# Filipinoj

## Bondeziro de Filipina junularo




Nome de la filipina Esperanto-komunumo, Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) bondeziras al ĉiuj okaze de la nova jaro 2015!

La jaro 2014 ja estis progresa ne nur por nia organizo, sed ankaŭ por la tutlanda komunumo. La organizo akiradis multajn materialojn, dank' al bonkoraj donacintoj, konigis al pli kaj pli granda publiko pri Esperanto, kvankam ni ankoraŭ devas konkeri pli grandan parton de la lando, kaj varbis junulojn, se ne multajn, en interesiĝon kaj lernadon de Esperanto.

En decembro 2014 la kreado de la Statuto de la organizo jam komenciĝis. Kvankam ni nur kunvenas rete, espereble iam frue en 2015 ni finos la Statuton, kio fine igos la Organizon valida kandidato por oficiale iĝi Landa Sekcio (LS) de TEJO.

La filipina Esperanto-komunumo, en la unua fojo, havos sian propran retejon. Antaŭ 10 tagoj komenciĝis la projekto starigi la retejon Esperanto-Pilipinas | Filipina Esperanto-Junularo (FEJ) (ĝi estas en la angla, tamen poste tradukiĝos Esperanten kaj filipinen)

Jen mi ĵus menciis du el la lastatempaj konkretaj projektoj de FEJ, kiu estas serioza pri sia volo plivigligi la movadon en Filipinoj. Espereble 2015 estos la jaro, kiun ĝi atendas, esperante pli da oportunoj malfermotaj por kunlaboroj, novaj projektoj kaj bonŝancoj.

Fine, mi bondeziras al ĉiuj sanon, prosperon, sekurecon kaj pli da ridoj! Ek' al 2015, kie estos espereble pli da sukcesoj pri Esperanto-agado! Vi trovos ankaŭ grafikaĵon alkroĉitan al tiu ĉi retmesaĝo. Ĝi enhavas niajn plej varmajn bondezirojn.

P.S. Ni daŭre petas por materialaj donacoj, ekz. libroj kaj revuoj.

Albert Garrido <stalin_piggy@yahoo.com.ph>
Ĝenerala Sekretario, Filipina Esperanto-Junularo (FEJ)
*FB: http://facebook.com/FilipinaEsperantoJunularo

# Japanio

## Esperanto-Domo de Jacugatake komencis sian servon

Esperanto-Domo de Jacugatake, kiu situas en la montara regiono de Jamanaŝi, ekfunkciis la 12an de aprilo kaj ĝi estas malferma por ĉiuj ĝis la 12a de novembro. Ĝi situas en la alteco de 1000 metroj, do ankoraŭ ne estas en la printempa etoso. En la Domo estas montritaj belaj pupoj, muzikiloj, pentraĵoj kaj fotoj el la mondo. Al tiuj, nove aldonitaj fotoj kaj informoj pri Francio, 96 eŭro-moneroj de 12 landoj kaj poemo tradukita en 12 lingvojn. La domo atendas viajn vizitojn.



## Esperanto vivas en la urbo Fukuŝima




La 102-a Japana Esperanto-Kongreso okazos en Sendai de la 10-a ĝis la 12-a de oktobro. Kadre de tiu ĉi kongreso la geedzoj Ookaŭara ludos pupteatraĵon, kiu temas pri tio, ke iliaj amikoj devis ĉesi kultivi fungon *ŝiitake* post la nuklea akcidento en marto 2011.

La 17-an de aprilo 13 esperantistoj vizitis ilian legom-vendejon nomatan "Esperi" en la urbo Miharu de la gubernio Fukuŝima. La vizitantoj aŭskultis la historion de "Esperi" fondita en 2013. La vizito estis vere fruktodona. Ni rigardis plenflorantajn sakurojn tie kaj ĉi tie survoje, kaj revenis kun konvinko, ke Esperanto pluvivas/os en Fukuŝima. Jazaki Jooko verda-jonjo2151@apost.plala.or.jp

# Ĝardenfesteno en Okajama

La 19an de aprilo Okajama-Esperanto-Societo okazigis Ĝardenfestenon en la vilao de s-ino Ŝimazu. En ĝi partoprenis 25 homoj. Komence ni kuiris supon kun kokidaĵo kaj salaton, fumaĵigis fiŝojn kaj poste ni manĝis tiujn kun hejmefaritaj panoj kaj picoj. Kiam ni fariĝis sataj, ni kune kantis la himnon “La Espero”, lernantinoj en la Esperanto-klubo de la supera mezlernejo Sanjoo ludis pupteatraĵon pri bestoj, s-roj Jagi kaj Harada gvidis mallongan kurson pri bona prononcado de Esperanto.

La organizanto s-ro Arai Toŝinobu diras: “Miaj membroj pli kaj pli maljuniĝas, do mi intencis kolekti ne nur esperantistojn, sed ankaŭ niajn konatojn al tiu festeno kaj esperis, ke ili havos intereson pri Esperanto. Kaj mia intenco efektiviĝis. Du jam decidis lerni Esperanton!

Arai Toŝinobu bin11628@yahoo.co.jp



# Junulara Movado en Japanio



## La 12a Bongustaĵa Renkontiĝo

La 6an de aprilo okazis "La 12a Bongustaĵa Renkontiĝo" en la urbo Musaŝikoganei en Tokio kaj partoprenis en ĝi 16 gejunuloj el 4 landoj, Rusio, Egiptio, Koreio kaj Japanio. Ili multe manĝis, trinkis, babilis, kantis kaj ludis. Pro malbona vetero ili devis rezigni ĝuadon de belaj floroj de sakuroj. Tamen novaj movoj naskiĝas el tiu renkontiĝo kaj el tiu amika etoso.

Okunuki Kentaroo

## Studenta gazeto Paŝo n-ro 12 eldoniĝis

Saluton, estimataj.

Skribas redakcio de la japana studenta gazeto "Paŝo". Vi povas elŝuti kaj legi la lastan numeron de Paŝo per jena ligilo.

https://drive.google.com/file/d/0B9UKBw1JrNO0dDBfaDIyQmJvejA/view?usp=sharing

Nia gazeto jam atingis la numeron 12, nome daŭras unu jaron. Ĝuu la eldonitajn numerojn kaj atendu la venontan.

## Nova estraro de Japana Esperanto-Junularo

4 prezidantoj: Okunuki Kentaroo, Nitta Takamichi, Asao Takafumi, kaj Suzuki Kazeto
sekretario: Okunuki Kentaroo
redaktoro: Suzuki Kazeto
kasisto: Asao Takafumi

http://jej.jp/enkonduko.eo.html

# “Memoroj pri la Japana Katastrfo” eldoniĝis




Hori Jasuo eldonis la libron “Memoroj pri la Japana Katastrofo” en la japana kaj Esperanto en marto, memore al la 4a datreveno de la Katastrofo.

Post la tertremo, cunamo kaj nuklea akcidento en 2011 Hori jam vizitis pli ol 30 fojojn la regionojn damaĝitajn de tiuj kataklismoj kaj fotis multajn fotojn. Tiu ĉi libro enhavas 160 kolorajn fotojn kun poemoj en la du lingvoj. Ĝi estas 176-paĝa en A4-formato kaj kostas 15 eŭrojn. Li esperas, ke la legantoj neniam forgesos la katastrofon kaj la suferantojn, kiuj perdis siajn familianojn, domon, hejmurbon kaj laboron. Jen estas impresoj de tri legantoj:

A: (japanino) Mi legis la poemojn, rigardante fotojn. Kvin ĵuroj de la mezlernejo Tooni, la hundeto en la urbeto Taroo…. Mi miris pro amplena senso de la aŭtoro. Mi foliumis la paĝojn kun larmoj. Kien iros Japanio?

B (ĉinino): Mirinda libro! Ĝi donis al mi forton plu vivi pozitive. Mi rekomendos la libron al miaj kursanoj.

C (franco): Malferminte la libron, mi estas emociita kun miro. Tiu ĉi libro atestas, ke Esperanto estas mirinda lingvo kun granda ebleco.

Hori jam donacis po 10 ekzempleroj al Koreio, Ĉinio, Vjetnamio, Nepalo kaj Indonezio kaj 5 al Mongolio. La libro estas tiel bonvenigita de multaj esperantistoj, ke mirinde 500 ekzempleroj jam elĉerpiĝis dum unu monato, do li presigis 300 ekzemplerojn. (HORI Jasuo)

# Vjetnamio

## Printempa Renkontiĝo




La 14an de marto 2015 hanojaj esperantistoj kolektiĝis okaze de la 15a Printempa Renkontiĝo 2015. Vjetnama Esperanto-Asocio (VEA) okazigis tiun eventon ĉefe por sciigi al la vjetnama esperantistaro siajn planojn kaj projektojn en la jaro Montevideo 60. Ĉi-foje, partoprenantoj multe kontribuis al la programo per kantoj, poemoj kaj speciale siaj spertoj kaj valoraj konsiloj pri farendaĵoj en mallonga kaj longa perspektivoj. Kadre de la renkontiĝo, VEJO raportis pri la KS 33a organizita en Hoĉiminh-urbo lastjare. Multaj rimarkindaj punktoj estis prezentitaj por ke junuloj bone organizu venontajn Esperanto-aranĝojn. Krome, VEJO invitis ĉiujn ĉeestantojn partopreni en la 3an Someran Renkontiĝon, kiu okazos en majo ĉi-jare. Informada Komisiono disdonis la unuan numeron de la papera bulteno "Verda Mesaĝo el Vjetnamio" en 2015, informante lastajn novaĵojn en la vjetnama movado. Marta Sumoo 2015 baldaŭ komenciĝos, do VEA alvokis ĉiujn esperantistojn, klubojn kaj sekciojn aliĝi al tiu legadkonkurso. Luktistoj de la ĉi-foja Sumoo, tenante siajn legotajn librojn kaj ĉeestantoj komune fotis antaŭ la adiaŭo. Hoan Tran hoantran37@gmail.com

# Nepalo
## Sukcese Okazis la 11a Himalaja Renkontiĝo




La 11a Himalaja Renkontiĝo okazis ekde la 26a de februaro ĝis la 8a de marto 2015. Partoprenis la tutan programon entute 41 esperantistoj, kaj simila nombro parte partoprenis. La partoprenantoj inkluzivas 11 personojn el Brazilo, 5 el Japanio, 3 el Belgio, 2 el Italio, po 1 el Rumanio, Danio, Svislando, Bulgario, Svedio, Tajvano kaj Nederlando; ĉiuj aliaj estis nepalanoj. La ĉi-jara celo de la programo estis konigi Nepalon pere de la lingvo Esperanto. NEspA kun granda tumulto ekde ĝia ekzisto pasigis 25 jarojn kaj ni celebras nun la arĝentan jubileon kun diversaj programeroj. La ĉi-jara jubilea programo komenciĝis per tiu ĉi historia 11-a Himalaja Renkontiĝo. Ni planas daŭrigi Esperantajn agadojn la tutan jaron por festi la jubileon.

La programo komenciĝis la 26an de februaro per akceptado de la gastoj; NEspA formale bonvenigis ilin vespere la 27an en la hotelo Marsangdi en Thamel. KAEM-ano s-ro Mukunda Raj Pathik kaj Renkontiĝa ĉefo s-ro LP Agnihotry solene malfermis la programon. Deziris sukceson de la 11a Himalaja Renkontiĝo reprezentantoj el Brazilo s-ro Arlando Rebelato, el Japanio s-ro Hori Jasuo, el Danio s-ro Peter Wraae, el Belgio s-ro Paul Peeraerts, el Italio s-ro Alex Mazzetti, el Rumanio s-ino Maria Butan, el Svislando s-ro Dawid Pochanke, el Bulgario s-ro Ivan Valev Slivov, el Svedio s-ino Helga Holmgren, el Tajvano s-ro Man Lajo kaj el Nederlando s-ro Bert de Wit.




Dekunutaga ekskurso kaj piedvagado komenciĝis la 28an de februaro post unu tago dediĉita al ekskursoj en Katmanduo-valo. Per buso ni atingis la vilaĝeton Birethanti (1025 metrojn alta) tra la urbo Pokhara. Ni komencis piedvojaĝi de tiu vilaĝeto al Ghorepani (2860), trairinte vilaĝetojn Ghandruk (2300), Tadapani (2680) kaj Deurali (2983). Frumatene, antaŭ la sunleviĝo, la 4an de marto ni atingis la pinton Poon Hill (3210) kaj tie ni povis vidi panorame 6000-8000-metrajn belajn, neĝajn montojn. Poste ni revenis al Pokhara kaj ĝuis la belan pejzaĝon de la monto Machhapuchhre (6993 metroj) dum la boatado en la lago.

Okazis solena ferma ceremonio la 8an vespere je la 5:30 en la sama hotelo. NEspA disdonis ateston al la partoprenantoj de la 11a Hiamalaja Renkontiĝo kaj Nepalan ĉapon “Topi”. NEspA honorigis per ŝalo s-ron Hori Jasuo, kiu partoprenis ĝis nun 9 Himalajajn Renkontiĝojn. Kaj ni honorigis ankaŭ s-ron Peter Wraae pro lia multfoja partopreno de la Himalaja Renkontiĝo kaj lia kontribuo por loka movado. Unuan fojon

ni bonvenigis 11 brazilanojn en nia historio. NEspA honorigis ankaŭ s-ron Arlando Rebelato, kiu vojaĝis karavane al Nepalo. Ĉiuj ĉeestantoj faris komentojn, sugestojn por la estontaj Himalajaj Renkontiĝoj. La renkontiĝo estis fermita de la prezidantino de NEspA s-ino Indu Devi Thapaliya.

La ĉi-jara Renkontiĝo estis ege sukcesa pro diversaj kialoj. Ni povis propagandi nian lingvon nome de la 11a Himalaja Renkontiĝo. Kaj ni sukcesis kolekti multajn nacianojn. Kunlaborado inter NEspA-anoj estis ege laŭdinda afero. Fine ni dankas al ĉiuj organizoj kaj individuoj, kiuj helpis nin por sukcesigi la 11an historian renkontiĝon en Nepalo.

En 2016 la Speciala Renkontiĝo okazos en la suda parto de Nepalo, kie vi povos ĝui tropikan klimaton, kaj en 2017 la 12a Himalaja Renkontiĝo okazos en la Mez-okcidenta parto de Nepalo, kie vi vidos la montojn Lamtang kaj aliajn famajn montojn. Vi konatiĝos kun abundaj lokaj kulturoj. Bharat K Ghimire

# Malajzio

## Prelego pri Esperanto-Skolto





Prelego de Sinjoro ENG pri Esperanto-skolto okazis la 15an de aprilo posttagmeze en la mez-alta sendependa lernejo San Min (安顺三民华文独立中学） en Teluk Intan-o.

Multaj skoltoj en Malajzio kaj aliaj landoj de la mondo ne scias, ke la rovera skolto finas la vojojn de skoltoj en 25 jaroj, sed Esperanto-skolto ne havas

tiun regularon, do Esperanto-skolto povas esti skolto ĝis la fino de la vivo.

La grupoj de Esperanto-skoltoj en Facebook jam komencis agadi. Bonvolu rekomendi, ke skoltoj en viaj lokoj fariĝu Esperanto-skoltoj por daŭrigi la amon de skolto. Daŭrigi amon de skolto estas daŭrigi amon de Esperanto.

https://www.facebook.com/groups/1574468059498949/ Malajzio
https://www.facebook.com/groups/1565916763648609/ Tajlando
https://www.facebook.com/groups/1576194935962715/ Kamboĝo
https://www.facebook.com/groups/1560401247582813/ ASEAN

La T-ĉemizon vi povas elŝuti de mia FB-foto-albumo
https://www.facebook.com/sinjoro.eng/media_set?set=a.299916770210290.1073741847.100005759076300&type=3

Sinjoro ENG saluton2010@gmail.com




# LEA estrarkunsidis por du festoj

La 14-an de marto Liaoning-provinca Esperanto-Asocio (LEA) estrarkunsidis en Shenyang, ĉefurbo de la provinco. S-ro Liu Zhengkun, prezidanto de la asocio, emfazis la ĉefan temon: kiel festi la 30-an datrevenon de LEA kaj la 100-an UK.



Post 4-hora diskuto LEA havas por 2015 laborplanon:
1. Por la 30-a datreveno LEA solene festos en taŭga tempo, eldonos Verkaron, kiu konsistas el artikoloj, kiujn ĉinaj kaj eksterlandaj esperantistoj publikigos pri la Esperanto-movado en Liaoning, kaj el diversaj gratulmesaĝoj ricevitaj, kaj

okazigos la foto-ekspozicion.

2. Por la 100-a UK la Asocio faros prelegojn en kelkaj universitatoj krom Esperanto-instruado, per Esperanto kreos eblecon por kontaktigi en la 100-a UK la urbodomojn de la du urboj: Shenyang, la plej granda urbo en nordo de Ĉinio, kaj Lille, la plej granda urbo en nordo de Francio, kaj pluan eblecon por la komuna konsidero: ĝemeligi la du urbojn.
3. Por montri profilon de la Asocio en la socio kaj Esperantujo, LEA ankaŭ organizos aŭ partoprenos serion da aktivadoj, ekz. Serva Tago en strato por disvastigi Esperanton al la publiko, kunsido por la Esperanto-tago, vizito al la urbo Kunming por la 11-a Ĉina Kongreso de Esperanto kaj tiel plu. Gratulaj mesaĝoj estas bonvenaj por la 30-a datreveno de LEA, kaj ili esperenble atingu nin antaŭ la 31-a de majo 2015, kun informoj: nomo, lando kaj (se eble) foto.

Wu Guojiang, Vic-prezidanto de LEA, Ĉinio
ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com

# Tajvana Movado en 2014

**1. Kursoj**

En la suda urbo Pingtung la koro de la Movado forte batas jam de longe. Okazadas kursoj kaj Zamenhofa Festo.

**2. Kurso en Komunuma Universitato**

Ĉi-semestre 9 gestudentoj partoprenas en la kurso kaj ĉiun semajnon ili kunvenas. Ĝin gvidas Cyril Vergnaud (franco) kaj Ingrid Chuang.




**3. Kurso en Pingrong-lernejo**

Tiu ĉi lernejo estas la plej granda privata mez- kaj duamezsupera lernejo kun ĉirkaŭ 3000 gelernantoj. Jam de 11 jaroj oni okazigas Esperanto-kurson, en

kiu 40 gelernantoj nun lernas Esperanton. Ili uzas la lernolibron “Esperanto per rekta metodo” de Stano Marĉek, kaj la kurson gvidas Reza Kheirkhah kaj Ingrid.

**4. Somera kurso en la joga klubejo**

Tiu ĉi estas nova kurso en la joga klubejo de s-ino Yvonne Chen. Nun aliĝas al ĝi 7 gelernantoj sub gvido de Cyril Vergnaud.

**5. Kurso en Tajpeo**

Ĝin gvidas Benjamin Irwin el Kanado.

**6. Formoza Folio**

Ĝi estas gazeto de la tajvana Movado kaj eldoniĝas unu fojon jare kun 150 ekzempleroj. Ĝi estas tre bela kaj enhavriĉa. Ĝin redaktas Reza, revizias Sabine Hauge kaj enpaĝigas Pit Hauge el Germanio. Ĝi estas legebla en http://esperanto.es:8080/jspui/bitstream/11013/4516/1/Formoza%20Folio%2c%202015%2c%20n.%2017.pdf

**7. Tradukoj**

Prof. Wang Jiukwei senlace tradukadas multajn gravajn ĉinajn literaturaĵojn kaj novelojn en Esperanton.

## Israelo

## La 27-a Internacia Libro-Foiro de Jerusalemo

De la 8a ĝis la 12 de februaro funkciis la Esperanto-budo de Esperanto-Ligo en Israelo en la 27-a Internacia Libro-Foiro de Jerusalemo (http://www.jbookfair.com/). Ni eksponis pli ol 200 Esperanto-librojn kaj okazigis publikan prelegon pri Esperanto. Ni informis pri Esperanto al miloj da vizitantoj, kaj disdonis centojn da flugfolioj. Fotoj videblas en la picasa-albumo: https://plus.google.com/photos/105030054444214202226/albums/6115377043221466945?banner=pwa

Dum la solena inaŭguro salutis la prezidento Reuven Rivlin, kaj la prezidanto de la premio-juĝkomisiono Dan Meridor, kiu interesiĝis pri Esperanto, ĉar la onklo de lia patrino estis Emanuel Olsvanger, unu el la

pioniroj de Esperanto en Palestino antaŭ ĉirkaŭ okdek jaroj.

En la Esperanto-budo ni ankaŭ varbis por Esperanto-kursoj kaj vendis diversajn eldonaĵojn de ELI, ĉefe vortarojn kaj KD-on de Israelaj Kantoj en Esperanto. Ĉirkaŭ 30 personoj interesiĝis pri E-kurso, kaj sekve baldaŭ komenciĝos kurso en Jerusalemo. En la lasta vespero okazis mia publika prelego pri la temo "Esperanto – ne kion vi pensis" kiun partoprenis ĉirkaŭ 30 personoj. Unu el ili estis la nepino de iama prezidanto de ELI Aŝer Ron, kiu tuj decidis aliĝi al la kurso.

En antaŭaj Libro-Foiroj ni renkontiĝis kun la prezidento Ŝimon Peres, Umberto Eko, israelaj verkistoj David Grosman kaj A.B. Jehoŝua. Antaŭ kelkaj monatoj mi skribis al la plej fama Israela verkisto Amos Oz kaj proponis renkontiĝi dum la Foiro kaj petis lian permeson esperantigi la rakonton "Esperanto", parto de lia novelaro "Inter Amikoj". Amos Oz respondis varme kaj akceptis ambaŭ proponojn. Dum la Foiro mi alparolis lin kaj donacis la libreton kun la traduko. Poste li skribis, ke li estis tre tuŝita pro la E-traduko de "Esperanto", kiu estis por li "realigo de revo" kaj konsentis renkontiĝi kun mi por rakonti pri sia speciala rilato al Esperanto intervjuiĝi por "Israela Esperantisto".

Amri Wandel, Prezidanto de ELI amri@huji.ac.il

# La 16-a Israela Kongreso

En la 16-a Israela Kongreso okazinta la 16an – la 18an de aprilo en Yehiam partoprenis 26 personoj, inkluzive de tri eksterlandanoj (el Ĉeĥio kaj Francio). Vendrede kaj sabate okazis duontagaj ekskursoj (al riveroj Yehiam kaj Kziv, ĉiĉeronis Amri), ĵaŭde - personaj rakontoj okaze de la Holokaŭsta tago (gvidis Gila), vendrede - instrua prelego pri Esperanto (Jehoshua) kaj vespere lumbilda kaj muzika vojaĝo tra la antaŭaj Israelaj Kongresoj (Amri), sabate - ferma diskuto. La detala programo videblas ĉe http://www.esperanto.org.il/ik.html.

Kunorganizis: Nava, Jael, Amri kaj Jehoshua. Fotoj videblas ĉe https://picasaweb.google.com/105030054444214202226/IsraelaKongresoYehiam2015

La Postkongreso okazis en la 19a – la 21a de aprilo. Oni faris viziton al la Morta Maro, Masado, Jeriko kaj Jerusalemo. Partoprenis la

tri eksterlandaj gastoj kaj kvin israelaj samideanoj, ĉiĉeronis Amri. Fotoj: https://picasaweb.google.com/105030054444214202226/IsraelaPostkongreso2015 Amri Wandel amri@huji.ac.il

## Rusio

### Renkontiĝo de Amikoj - 10

La 7-an - la 16-an de aŭgusto 2015 en Krasnojarsk kaj Hakasio (en azia parto de Rusio) okazos "Renkontiĝo de Amikoj - 10". La 7-an - la 9-an okazos flosado laŭ la rivero Mana apud Krasnojarsk per komfortaj duetaĝaj flosoj laŭlonge de 80 kilometroj. La 9-an ni venos al turisma bazejo "Cejano" ĉe la lago Itkul apud lago Ŝira (Hakasio), kie okazos varia Esperanto-programo. La 15-an - la 16-an okazos ekskursoj kaj aliaj Esperanto-programeroj en Krasnojarsk. http://ra.nsk.ru/RA-10/

Vladimir Minin

## Poemo

### Deziroj de Printempo

NGUYEN HOP (Vjetnamio)

De malnovtempo ĝis nunaj tagoj,
Vjetnamio staras apud la Orienta Maro.
Tre pitoreska estas ĝia natura pejzaĝo
Kaj ĝia popolo bonan reputacion havas.

Poste pluraj bataloj kontraŭ la invadantoj,
Trankvila estas la loĝantaro, kaj solidaj siaj landlimoj.
En la paco, Vjetnamio firme antaŭeniras.
De la konfido kaj l’afekcio de tutmondaj amikoj, li ĝuas.

Premu niajn manojn kaj kunigu niajn strebojn
Por ke nia lando estu forta, prospera kaj feliĉa,
Por ke, en la tuta popolo, la ridoj sonoru,
Kaj la konfido brilegu kun la printempo, kiu revenas.

# Koreio

## Esperanto-libroj al Afriko

Korea Esperanto-Asocio, Korea Esperanto-Junularo kaj Seula Esperanto-Kulturcentro sendis Esperanto-librojn (Korea antologio, Leteroj el Koreio, Vojaĝo de Onia ktp) al Afrika Komisiono la 3-an de februaro 2015. Por eventuala IJK kaj ILEI-Konferenco en Afriko en 2017, ni ĉiuj esperantistoj en la mondo havu atenton pri afrika movado kaj kuraĝigu ilin por realigi la du internaciajn eventojn de Esperantujo.

## Bronŝtein prelegis

Rusa kantisto s-ro Moissey Bronŝtein prelegis en Koreio du-foje en la urboj Seulo kaj Busano en la 20-a kaj 21-a de januaro 2015 kun la temo 'Plurjarcenta rilato inter Rusio kaj Ukrainio'.

Li ne nur prelegis en Esperanto, sed ankaŭ ludis gitaron por civitanoj kaj esperantistoj. Li havis intervjuon kun la ĵurnalo Busano pri Esperanto. La titolo de lia intervjuo estis 'Jen estas Esperanto-kanto por vi'.



## Prof. Saeed el Pakistano renkontis koreajn geknabojn



Pakistana esperantisto prof. Saeed Ahmad Farani renkontis koreajn geknabojn kaj rakontis pri Esperanto la 21-an de januaro 2015. La renkontiĝo estis diskonigita tra televida stacio. S-ino Kristalo Han, korea esperantistino, interpretis lian parolon en korean lingvon. Prof. Saeed vizitis Koreion por partopreni en la 10-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado, en kiu li prelegis pri sufismo.

# La tutlanda Esperanto-kursaro

En la junulara gastejo Yuseong, de la 28a de februaro ĝis la 1a de marto, okazis la tutlanda kursaro, en kiu partoprenis 37 gvidantoj kaj gelernantoj, inter ili estis 10 gejunuloj.



# Orienta Timoro

## Esperanto-agado en la ĉefurbo Dilio

Dum kelkaj monatoj la Esperanto-kurso en nia Klubo La Tri Lagoj ne okazis, ĉar ĉiuj estis okupataj kun siaj laboro aŭ studoj Foje tamen du aŭ tri personoj renkontiĝis. Sabate la 18an de aprilo ses membroj de nia klubo La Tri Lagoj partoprenis la kurson.



Krom pri la lernado ni diskutis ankaŭ pri la reprezentado de nia klubo ĉe kelkaj kongresoj en julio kaj aŭgusto en Eŭropo kaj pri la necesaj preparoj por tio. Ni decidis kunveni ĉiu-semajne en sabato por kune lerni kaj tiel ankaŭ scii kiuj daŭre interesiĝas lerni Esperanton.

Kelkaj novaj gejunuloj alvenis je la fino de la leciono, ĉar ili interesiĝis pri Esperanto. Ni petis ilin reveni venontsemajne al la oficejoj de la nacia radio kaj televido, kie ni kutime kunvenas.

Jose da Costa, prezidanto de La Tri Lagoj

NB: Tri el niaj membroj (du el ili estas plej maldekstre sur la foto: Cornelio kaj Teofilo) aliĝis al kvar kongresoj en Eŭropo. Kvankam jam venis multe da helpo, daŭre bonvenas financa subteno por realigi la vojaĝon. Vidu http://goo.gl/T7Ez4c por pliaj informoj.

Heidi Goes

Legu pri mia agado en Orienta Timoro: https://www.sites.google.com/site/esperantoenorientatimoro/instruvojaghoj/dua

# Indonezio

## Loka Kunsido por prepari Komunan Kongreson en 2016



La 21an de februaro 2015 mi vojaĝis al Bandung, urbo en okcidenta Javo por havi kunsidon okaze de nia plano por komuna kongreso inter Indonezio, Aŭstralio kaj Novzelando. Tiun ideon mi kunportis de la lasta kongreso en Aŭstralio en januaro 2015, kies celo estis aktivigi la kunlaboradon inter najbaraj landoj.

Tiun tagmezon la 12 aktivuloj kunvenis ĉe Muzeo de Azia-Afriko. Mi gvidis la kunsidon kaj komencis klarigi la planon ĝenerale. Plejparte de la ĉeestantoj ankoraŭ neniam spertas Esperanto-kongreson, tial ili estas scivolemaj pri la aranĝo. En la sekva sesio, ni pridiskutis la formon de LKK-anoj, la taskojn ĝenerale kaj iom pri la programeroj.

En nia kunveno ĉeestis ankaŭ s-ro Desmond, kiu respondecas pri la aktiveco de diversaj kluboj aŭ komunumo subgvide de Azia-Afrika Muzeo inkluzive de la Esperanto-klubo de Bandung. Li pozitive kuraĝigas nian planon kaj ŝatus kunlabori por realigi la kongreson. Li eĉ ofertis eblecon okazigi malferman ceremonion en la muzeo, kio certe estas alloga kaj impona pro la historia valoro.

Dum la kunsido, mi ankaŭ transdonis libron de s-ro Lee Jungkee al la nova prezidanto de Bandung-E-klubo, Qonita, kaj kelkaj aliaj libroj donacitaj de pluraj esperantistoj, ekzemple de s-ro Hori Jasuo. Poste la klubo ŝatus malfermi publike la Esperanto-bibliotekon ĉe tiu muzeo. En la lasta sesio, ni havis komunan foton por konservi tiun belan momenton.

Je la 4a horo vespere mi forlasis la muzeon por iri al Pasundan-universitato kun Syauqi Ahmad Zulfauzi, kiu kutime gvidas

la E-kurson tie. Tiam kelkaj studentoj lernas bazan lecionon de Esperanto ĉiun sabaton. Dum 2 horoj mi gvidis la klason kaj paroligis la kursanojn. Feliĉe kelkaj el ili sufiĉe bone sekvas la lecionon. Post 2 aliaj kunvenoj, ili devas fini la bazan, kaj se ili deziras daŭrigi la mezan, ili povas aliĝi al la kurso en la muzeo. Tia kunlaborado jam bone funkcias inter E-klubo de la muzeo kun Pasundan-Universitato almenaŭ dum tiuj ĉi 2 jaroj.

Porinforme la komuna kongreso okazos ekde la 23a ĝis la 28a de marto 2016. Pli da detalo pri aliĝilo kaj aranĝo estas preparataj kaj fine de majo ili pretos. Bonvolu pripensi por partopreni…antaŭdankon !

Ilia Sumilfia Dewi : ilia.dewi@gmail.com

## Movadoj en Sumatro

Mi estas Reza Pahlevi, edukado-divizio en Indonezia Esperanto-Asocio (IEA). Ni havas Esperantan klubon Aŭrora Movado en Medan (mia urbo). Ni ankaŭ havas 3-etaĝan Esperanto-Domon. En la unua etaĝo estas librejeto kaj diskutejo. En la dua estas kunvenejo kaj dormĉambro. En la tria estas babilejo, festivalejo kaj tiel plu.

Mi volas fari ankaŭ Esperanto-klubon en mia universitato (Universitas Sumatera Utara). Sed por fari la klubon, troviĝas regulo,

1. Membroj en (minimume) 5 fakoj de la universitato.
   Ĉiu fako devas havi 3 personojn minimume, kiuj volas lerni kaj kontribui al Esperanto.
2. Statuto de organizo
   Ni uzos la Statuton de IEA (Indonezia Esperanto-Asocio) kun malmulte da ŝanĝiĝo. Do ne troviĝas problemo pri la statuto.
3. Agadoj
   Ni sekvas agadojn de Aŭrora Movado. Aŭrora Movado kaj E-Klubo de la universitato ankaŭ kunlaboras. Do ni ne havas problemon.
4. Atesto de aktivado de persono enlande/ eksterlande –
   Aiko (Esperantisto de Medan-urbo) partoprenis en la 1-a Indonezia Esperanto-Kongreso en Bogor. Ankaŭ mi partoprenis en du kongresoj en Japanio 2014. Tiuj 3 atestoj pri Esperanto estas sufiĉaj.

Reza Zhalefy zhalefy@gmail.com

# Esperanto-eventoj

## Tutmonde

7.17~7. 25 / La 48-a Konferenco de ILEI (Oostende, Belgio)
7.25~8.01 / La 100a Universala Esperanto-Kongreso (Lille, Francio)
8.02~8.09 / La 71a Internacia Junulara Kongreso (Wiesbaden, Germanio)
8.08~8.15 / La 88a SAT-Kongreso (Nitra, Slovakio)

## Azio

5.02~03 / La 3-a Somera Renkontiĝo (Hai Phong, Vjetnamio).
5.03~05 / La 48a Esperanto-Seminario (Jamagata, Japanio)
5.05~06 / La 28a Verda Lernejo (Nagano, Japanio)
5.09~10 / La 7-a Junulara Seminario de Esperanto (Harbino, Ĉinio)
5.16~17 / La 89-a Kongreso de Esperantistoj en Kjuuŝuu (Mijazaki, Japanio)
5.16~17 / La 32a Kunloĝado de Jacugatake (Esperanto-Domo de Jacugatake, Japanio)
5.16~23 / La 11-a Ĉina Esperanto-Kongreso kaj la 67-a Kongreso de Fervojistoj (Kunming, Ĉinio)
6.03~04 / La 64-a Esperanto-Kongreso de Tookai (Gifu, Japanio)
6.13~14 / La 64a Kantoo-Esperanto-Kongreso (Tokio, Japanio)
6.20~21 / La 63a Kansaja Esperanto-Kongreso (Kioto, Japanio)
6.27~28 / Esperanto-kunloĝado de Sendai (Sendai, Japanio)
8.07~16 / Renkontiĝo de Amikoj – 10 (Krasnojarsk kaj Hakasio, azia parto de Rusio)
8.18~20 / Internacia Junulara Renkontiĝo (Nankana-Sahibo, Pakistano)
8.22~23 / Nur-Esperanta Kunvivado (Esperanto-Domo de Jacugatake, Japanio)
8.27~28 / La 2-a Irana Esperanto-Kongreso (Teherano, Irano)
8.28~30 / La 1-a Internacia Kongreso de Esperanto (Murree, Pakistano)
9.11~13 / Tago de Esperanto-Domo de Jacugatake (Esperanto-Domo de Jacugatake, Japanio)
10.03~04 / La 47-a Korea Kongreso de Esperanto (Seulo, Koreio)

10.08~11/ La 11-a Internacia Esperanto-Renkontiĝo de Meditado (Seulo, Koreio)
10.10~12 / La 102a Japana Esperanto-Kongreso (Sendai, Japanio)
10.23~25 / La 6-a Internacia Esperanto-Festivalo (Zaozhuang, Ĉinio)
10.24~25 / La 56-a Toohoku-Kongreso de Esperanto (Fukuŝima, Japanio)
10.31~11.01 / La 16a Kongreso de Ĉuugoku kaj Ŝikoku (Ŝimonoseki, Japanio).
11.28~29 / Aŭtuna Kurskunveno en Lernejo Namkang (Chongdo, Koreio)
12.25~26 / La 38-a Kongreso de Pakistana Esperanto-Asocio (Lahore, Pakistano)
12.25~28 : La 34-a Komuna Seminario inter Ĉina, Japana, Korea kaj Vjetnama Junularoj (Koreio)
12.30~01.02 / Transjara Kurskunveno de Esperanto-Populariga Asocio (Kameoka, Japanio)
2016.02.28~3.9 / La 2a Speciala Himalaja Renkontiĝo (Katmanduo, Ĉituan, Pokhara, Nepalo)
=============================

**KAEM-anoj**

**Ĉinio:** Wang Ruixiang 13436481089@163.com; wrxzj@tom.com
Prezidanto, Projekto A (Preparado de la 8-a Azia Kongreso en Ĉinio)

**Japanio:** Inumaru Fumio inumaru-f@nifty.com
Vicprezidanto, Projekto C (Membriĝo), Subteno al Indonezio, Filipinoj, Ekspedo de la bulteno “Esperanto en Azio”

**Mongolio:** Chimedtseren Enkhee chimedtserenenkhee@yahoo.com
Ĝenerala sekretario (pri subvencio kaj elspezo el buĝeto), Reviziisto de KAEM-buĝeto, Interrilato kun UEA

**Hindio (Barato):** Giridhar RAO agiridhar.rao@gmail.com
Interrilato kun UEA (Raportoj al UEA pri KAEM-agado), Subteno al Srilanko

**Irano:** Omid Rohanian omid.rohanian@gmail.com
Subteno al najbaraj landoj de Irano (Arabaj landoj)

**Nepalo:** Mukunda Raj Pathik mpathik@gmail.com
Organizo de SAS (Sud-Azia Seminario), Projekto Ĉ (Edukado)
**Vjetnamio:** Le Thi Thien Thu lethienthu.esper@gmail.com
Subteno al Sud-Orientaj landoj (Laoso, Kamboĝo, Tajlando, Malajzio)
**Pakistano:** Zubair Muhammad zurnab_pk@yahoo.co.in
Subteno al najbaraj landoj (Bangladeŝo, Afganio), Organizo de SAS
**Taĝikio:** Firdaus Shukurov komintel@yandex.ru
Interrilato kun Centr-aziaj landoj (Kazaĥio, Uzbekio, Kirgizio, Azerbajĝano, Turkio kaj Rusio)
**Koreio:** Kim Hiongun nomota@mobigen.com
Projekto D (Publikado kaj sendado de lernolibroj, lerniloj de Esperanto), retejo de KAEM
**Israelo:** Eran Vodevoz evodevoz@yahoo.com
Projekto B, Interrilato kun eŭropaj landoj kaj afrikaj landoj, nord- kaj sud-Amerikoj

**Honoraj prezidantoj de KAEM**
Puramo CHONG (Koreio)
Hori Jasuo (Japanio): hori-zonto@water.sannet.ne.jp
Kompilado de la bulteno "Esperanto en Azio"
Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net
Sasaki Teruhiro (Japanio): steruhiro@hotmail.com.co.jp
**Estrarano de UEA** Lee Jungkee (Koreio): esperanto@saluton.net
……………………………………………………………………….

**Esperanto en Azio**
Eldonanto: Komisiono de UEA pri Azia Esperanto-Movado
Adreso de KAEM: ĉe Japana Esperanto-Instituto (JEI)
Japanio 162-0042 Tokyo-to Sinzyuku-ku Waseda-mati 12-3
Reta adreso de KAEM (sendu viajn mesaĝojn al KAEM):
<azia-komisiono-de-uea-kaem@yahoogroups.com>
TTT-ejo de KAEM: http://www.esperantoazia.net/
Redaktoro: HORI Jasuo <hori-zonto@water.sannet.ne.jp>
Japanio 371-0825 Gunma-ken Maebaŝi-ŝi Ootone 2-13-3